

# IREJO-BULTENO

Organo de Irana Esperantista Junulara Organizo

N_ro : 5 Oktobro - Novembro 1994 Mehr - Aban 1373

# NOVE REPROVE , ĈIAM DENOVE

# SE FALANTE , RESTARANTE

# TIAL NI VENKOS

# ES PE RAN TE !

------- Adresoj ----------------------------------------------------------

IREJO-Bulteno
Organo de Irana Esperantista Junulara Organizo
●Redaktoro : M . Reza Torabi●Korektisto : Hámze Ŝáfii
●Eldonaj aferoj : Ábbas Bagestani ●Eldona ordo : du monate
●La bulteno kiel informilo celas speguli faritajn agadojn pri aû rilate Esperanto en Irano ●La bulteno precipe atentas pri junulara aktivado en Irano kaj ĝenerale tutmonde ●Subskribitaj artikoloj kaj eseoj ne montras oficialan opinion de la asocio ●Pri ne asociaj novaĵoj kaj raportoj respondecas mem la raportantoj ●Ĉiaj novaĵoj,informoj,eseoj kaj artikoloj bonvenas ●poŝta adreso : P . O . Kesto : 17765-184, Tehran-17, Iranio
●Prezo : 600 IR.Ri(2 irk)

------------------------------------------------------------------------

**Irana Esperantista Junulara Organizo-IREJO**
Landa sekcio de:Tutmonda E-ista Junulara Organizo-TEJO
Landa filio de : Internacia Scienca Asocio Esperantista-ISAE
UEA kodo : irej-n , FEL kodo : irej-n
Fondita : Julio 1993/Tir 1372
Telekopiilo(Fakso) : +98 21 363232
P . O . Kesto : 17765-184 , Tehrano .
IREJO Estraranoj :
**Ĉefgvidanto** : M . Reza Torabi, p/a IREJO
**Vicgvidanto** : Ábdollah Hákimneĵad, p/a IREJO
**Ĝenerala Sekretario,Kasisto** : Ábbas Bagestani, P.O.Kesto : 13185-618, Tehrano. Tel : +98 21 4612445
**Sekretario** : Ĝámŝid Áhmádi,Daneshkade Pezeshki,Daneshgahe Shahid Beheshti,Tehran-Evin .

## Saluton !

Tiu ĉi numeron vi trovas iom boniĝita ol la pasintaj ! . bedaûrinde okazis kelkej eraroj kaj gramatike kaj prese en la eldonitaj numeroj , sed feliĉe nun la bultenon korektas vigle nia nova kolego S-ro Ŝáfii kiu sincere klopodas ke nia bulteno estu laû eble sen eraro, almenaû malmulte erara !

kutime kaj fakte ni invitas vin al la aktivado. Se vi pensas ke vi estas aktiva Esperantisto , do praktike agu! Entuziasme antaûprenas viajn manojn.

Bonvoli viajn opiniojn pri la bulteno, precipe pri tiu-ĉi numero, spegulu al ni . tiu afero kaûzos ke la venontajn ni aranĝu laû via deziro. Ĉiam sukceson !

La Red.

## Enhavo :

## Kune ni legu la noblan Koranon

La Nobla Korano estas la plej sankta libro de la Islamanoj, feliĉe ĝi decinde ankaŭ tradukiĝis al la Esperanto kaj oni facile povas legi la ordonojn de Allahon Esperante .

La traduko estas tre fidela al la originalo kaj legante la sanktan koranon la homo sentas ripozdonan senson en sia koro,korpo kaj animo. La legado de la korano en Esperanto ankaŭ povas esti bona afero, kaj legi koranon kaj ellerni Esperanton ! vi povas simple provi tiun kaj atingi ne kredeblan rezulton ne multtempe , do estimataj utilu la tempon. Jen kune ni legu ĉapitron da la Nobla Korano kiu estas vera vorto de la Dio:

*"1- Je la nomo de Allah, la Donema, la Pardonema.*
*2- Vere ni sendis la koranon en la nokto de la Dio dekreto.*
*3- Kio sciigas al vi, kio estas la nokto de la Dio dekreto?*
*4- La nokto de la Dia dekreto estas pli bona ol mil monatoj.*
*5- en ĝi malsupreniras la anĝeloj kaj la spirito laŭ la ordono de ilia Sinjoro-kun ĉiu afero.*
*6- La paco daŭras ĝis la tagiĝo."*

la Nobla Korano, ĉapitro 97-Al-Kadr (la Dia dekreto).

* Oni povas prepari la Noblan Koranon ĉe Átai Eldonejo.

# Ni kaj Ĝi !

La situacio de Esperanto en landoj kiel nia iom diferencas kun aliaj, ekzemple Eŭropaj landoj. Pro la onidiradoj , miskomprenadoj kaj malĝustaj varbadoj kontraŭ de la Esperanto kaj pro la manko de la ĝustaj informoj pri la lingvo de Esperanto ekzistas malfacilaĵoj. kaj kiam fariĝas agoj rilate la Esperanto aŭskultiĝas ke observantoj, kiuj ĉiam time kaj sen klara celo sekvas la aferojn, diras ke: "Zorgu pri vi ! jen la danĝeroj !? "

Rigarde la pasintecon ni vidas ke neniam aficiale la ŝtato havis problemon rilate la Esperanto kaj se eventuale estis problemetoj tiuj fontis je la flanko de nesciantoj kaj ne spegulis la oficialan vidpunkton de la ŝtato pri la Esperanto.

La Islama Respubliko neniam kontraŭigis kun la Esperanto, sed eble kelkaj Esperantistoj havis problemojn kun si mem. kiam en Irano la plej altaj ŝtatgvidantoj montras siajn specialajn emojn pri la sindefendo kontraŭ la fremda kulturo envere Esperanto povas esti sindefendilo ! ĉar la plej altaj ŝtatgvidantoj en Irano kredas ke la nacia kaj Islama kulturo minaciĝas je la flanko de fremdaj kulturoj. Ankaŭ hodiaŭ ni similan opinion vidas en kelkaj aliaj landoj kiel Ĉinio kaj Hindio .

Rezulte ni atentiĝas ke : Esperanto ne estas malpermesita en Irano kaj inverse oni entuziasme emas al ĝi. La veraj Esperantistoj en nia lando taskas ke ŝanĝu la situacion pri la Esperanto, kaj laŭ utilaj aplikadoj ke per la lingvo faros, eventualajn miskomprenadojn klarigu pri la Esperanto . La epoko de Esperanto en Irano maturiĝis , ĉiuj iloj por ĝia disvastigado estas pretaj se ni ne havas problemon kun ni mem . jen la praktikkampo !

M . Reza Torabi

## ----------Noto por la estonteco ----------------------------

La akcepto de IREJO kiel landa sekcio de Tutmonda Esperantista Junulara Organizo ,TEJO, estas honorinda afero por ĉiuj aktivaj Iranaj Esperantistoj.

IREJO estas unua serioza E-o asocio el Irano kiu havas interkomunikadojn aktuale kun Esperantaj organizaĵoj. Ni spertas freŝan horizonton en la E-o movado kaj Esperantio. En IREJO oni ne estas limitaj sed esploremaj, verdire la asocion konsistas seriozaj junaj Esperantistoj kiuj profunde kredas al la laborado por la disvolvado de Esperanto en Irano.

Esti landa sekcio de TEJO nur estas komenco por IREJO , komenco por venontaj agoj kiuj oni planas klare, kaj laû estantaj eblaĵoj antaûeniras tiujn. laû agrabla kutimo oni en IREJO pli agas kaj malpli babilas ! Tamen antaûvideblas egaj agoj kiuj fariĝos en IREJO laû oficiala influo kiun akiris ĝi.

## ----------Kontaktreto ----------------------------------------

Kun granda ĝojo mi ricevis vian bultenon . Bonega por komenco! Mi diras " por komenco" ĉar mi trovis kelke da erarojn . . . ĉiu kaze mi ŝatas kunlabori kun vi.

M . E . Samanipur, fakdelegito de UEA, Ŝirazo.

--------------

Elkore mi salutas vin kaj via kuraĝo fondi IREJOn mi gratulas . Mi arde deziras iĝi membro de IREJO kaj pretas kunlabori kun vi . . .

D-ro Kejhan Sájadpur, fakdelegito de UEA, Máŝádo

--------------

Mi gratulas vin pro la fondo IREJO kaj sincere deziras, ke ĝi donu bonegajn fruktoj en via lando. Mi manprenas kaj ĉirkaûbrakas la samideanojn, kiuj ĉe vi kunfondis IREJOn, ke vi ĉiuj vivu sane,pace kaj vigle laboru por la " nova sento" , nia E-lingvo!

D-ro Walter Boppré , Advokato el Brazilo

Karaj Geamikoj

En la lasta numero de TEJO-Tutmonde mi trovis la informojn pri via landa organizo . Mi tutkore gratulas al vi la kuraĝon kaj profundan intereson pri la lingvo .

Mi estas jaroslaw. Mi loĝas kaj laboras en Pollando . Mi estas individua membro de UEA/TEJO. Krom tio mi agas en la Skolta Movado kiel Nacia Reprezentanto de Skolta Esperanto Ligo en mia lando. Mi eklernis la lingvon por ke mi povu utiligi ĝin dum internaciaj kontaktoj. Instruante Esperanton mi tre ofte vojaĝas. Miaj planoj estas ankaŭ kunligitaj kun Irano. Mi intencas vojaĝi tra Irano kaj Pakistano venontjare, kaj mi serĉas kunvojaĝantojn.

Se iu el viaj geklubanoj volus vojaĝi kun mi bonvolu transdoni mian adreson. La vojaĝon ni priparolos perletere. Miaj interesiĝoj pri via lando ne estas tute hazardaj. Mi multe legis pri la antikvaĵoj en via lando, pri via kulturo, religio. Mi atendas vian respondon kaj kore salutas Viajn geklubanojn.

C.Jaroslaw - Pollando

Bonvoli interesiĝantoj pri tiu ĉi letero petu detalajn informoj koresponde.

La Red.

## ----------- Kiel subteni IREJOn? ---------------------------

Ofte alvenas leteroj de niaj gesamideanoj kiuj demandas: kiel ni povas subteni IREJOn aŭ pagi membrokotizon ? Jen la respondo :

IREJO membrokotizo estas ne devigita kaj liberpova ĝis tiam ke elektiĝu la delegitoj kaj tiam ili decidos pri la fiksa membrokotizo. Sed ĝis tiam helpemuloj bonvole povas sendi siajn helpaĵojn kaj mondonacojn al la kasisto de IREJO S-ro Ábbas Bagestani per la registrita poŝto kaj certe ili ricevos poste lian konfirman informleteron pri la pagita helpaĵo. Antaŭe pro via kunhelpo kaj donaco koran dankon !

## ------------- Kiu estas ISAE ? ------------------------------

ISAE estas la nomo mallongita de la " Internacia Scienca Asocio Esperantista " unua aktiva scienca Asocio, fondita 1907 en la 3a Universala Kongreso de Esperanto, Cambridge.

ISAE estas aliĝita faka asocio de la Universala Esperanto Asocio (UEA) .

La Asocio celas disvastigi la uzadon de Esperanto inter sciencistoj kaj teknikistoj en la sfero scienca-teknika, el ĉiuj sciencaj fakoj,kaj estas ligilo inter ili .

_ Sidejo :

sidejo de la Asocio ordinare estas loĝurbo de la prezidanto; Oslo; Norvegio .

_ kiuj estas la membroj de ISAE ?

ĉiuj kiuj pagas la membrokotizon estos membro ĉe ISAE.

Ordinara membro estas ĉiu sciencisto aŭ teknikisto, profesia aŭ amatora , aŭ interesiĝanta pri sciencaj aferoj, kiuj konsentas pri la celo de la Asocio kaj pagas la bazan kotizon de la kuranta kalendara jaro.

Dumviva membro estas ordinara membro paginta plifruan unufojan difinitan kotizon .

Honora membro estas persono, kiu faris gravan servon al ISAE aŭ kiu kontribuis al atingo de ĝia celo .

_ Landaj filioj :

Tiuj estas Asocioj aŭ grupoj da membroj en diversaj landoj kiel filio de ISAE , kiuj funkcias kiel ISAE kaj por atingi al ISAE-celoj kiujn legis supre . Ankaŭ IREJO laŭ la sia statuto celas samajn aferojn , do povas esti filio de ISAE . Tiu ĉi afero okazis kun ricevi leteron de ISAE prezidanto Prof. D-ro C.Stöp Bowits, laŭ peto de IREJO.

_ Fakaj sekcioj:

nur funkcias geologia.

_Komitato de ISAE :

La komitato de la Asocio estas ligilo inter membraroj kaj estraroj, kaj funkcias kiel konsulta konsilo de la estraro .

La komitato konsistas el estraranoj , landaj delegitoj, prezidantoj de la landaj filioj kaj fakaj sekcioj , kiuj rajtas elekti la estraron.

Landa filio povas esti reprezentata en la komitato per sia prezidanto aldone al la landa delegito. Ankaû landa filio rajtas elekti estraron kaj enkasigi aldonan kotizon por kovri siajn elspezojn.

- Nunaj estraranoj de ISAE

La prezidanto : Prof D-ro C . Stöp Bowits ( Honora membro de UEA)

Vicprezidanto : S-ro Christer Kiselman, kaj ĝenerala sekretario : S-ro Rudi Hauger.

- Scienca revuo (SR) :

Organo de ISAE kiu publikiĝas jare du numeroj , kun prezentade originalajn sciencajn studojn , el la plej diversaj fakoj . kaj en parto-prelegojn de IKU (ISAE Kongreso Universala) faritajn de ISAE membroj . Ankaû akompane SR, aperas ISAE-Bulteno kiu prezentas multajn informojn rilate la Asocio .

Atentu ke la administrado kaj la eldonado de SR estas la bazaj funkcioj de ISAE , kiuj estas necesaj por ke la Asocio povu taski la pligravan taskon, kiu, ankaû laû la nova statutpropono , estas disvastigi la uzadon de Esperanto inter sciencistoj kaj teknikistoj . Hodiaû ni vidas ke diversaj Esperanto-grupiĝoj klopodas ion efektivigi sur la kampo de scienco . la tasko de ISAE estas kunordigi tiajn klopodojn kaj gvidi la laborojn. Por atingi tion necesas forta asocio, en kiu membras pli malpli ĉiuj esperantistaj sciencistoj kaj sciencamantoj.

Tiuj kiuj interesas membriĝi al ISAE bonvoli kontaktu al la landa delegito de ISAE. Uzu IREJO adreson .

Ĝ. Ahmadi
Sekretario de IREJO
Landa Delegito de ISAE

## -----------Koncize pri Tradukado -----------------------

Tradukado aû pliprecize la elektado el la decaj vortoj por traduk-afero, se ne plimalfacila , ĝi ne estas plifacila ol verkado . Ĉar la tradukisto ĉiam estas pli kritikata ol la verkisto , de la vort-aplikada vidpunkto. kompreneble ju pli da nemateria sensiveco des pli da sensiveco pri la aplikado del' vortoj. La apogeo de tiu-ĉi sensiveco riveliĝas en tekstoj. Sekve, la analizo del' supre menciitaj aferoj jam estigis diversajn vidpunktojn; kaj ismojn kiuj havas propran aplikadan situacion .

La propono kion mi povas montri al la interesatoj en la traduk-afero , estas tio ke unue oni devas komenci de novaĵoj kaj sciigaĵoj temaj kaj post la akiro de sufiĉa sperteco oni povas traduki literaturajn tekstojn kaj laste religiajn . Ĉia okaze la kvanto del' precizeco kaj konfideco pri ĉiuj tekstoj estas gravega afero. kvankam la mallerta tradukisto de literaturaj temoj perdas siajn legantojn; li estus pli serioze kritikata en religiaj tekstoj.

Ábdollah Hakimneĵad

## -------- Organize ------------------------------------------

**Informado : ega manko en nia lando**

Diskutante kun la samideanoj ega manko senteblas : la manko de informado ofte oni havas malmultan informadon pri la E-o movado kaj Esperantaj organizoj .pro la manko de propra informada centro, la samideanoj havas ne sufiĉan informojn pri la movado. Do tiu manko kaûzas ke tiam oni ekas aktivojn pri Esperanto; baldaû kontraûas kun diversaj malfacilaĵoj kiuj fontas pro informada manko.

Bedaûrinde la spertoj ne ŝanĝiĝas kaj oni scias nenion pri la pasintaj spertuloj kiuj faris agojn en la pasinteco. do vole ne vole la akiritaj spertoj restas sen utila aplikado kaj iliaj informoj restas sen uzado.

Laû Esperanta solidareco ni taskas ke interŝanĝu la spertojn kaj informojn kun unu la alia por antaûenirigi la aferojn. Nian epokon oni nomiĝas " Informada epoko " do ni estu veraj idoj de informada epoko praktike .

Ankoraû en nia lando Esperantaj legaĵoj kaj precipe informoj ege mankas kaj tiu ne solviĝos sen nia klopodo por akiri ilin laû ebla maniero. Ni memoru ke neniu helpos nin krom ni mem kaj ni mem devas pripensu la aferon kaj trovu ĝian solvon.

Kara samideano, kion vi pensas pri la afero? mi atendas vian opinion kaj proponon.

La Red.

## -------- Raporto proksime pri la 50a IJK ! ------------

La 50a Internacia Junulara Kongreso okazis en Ch' onan,Koreio. Kvankam mi intencis partopreni tion, sed pro la multaj ŝanĝoj en mia plano, partoperante ILEI (Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj) konferenco,mi ne povis tute ĝui la etoson de IJK. Sed ĉi tie mi povas raporti iom pri ĝi ĉar mi havis kelk-horan viziton de IJK kaj cetere multaj de miaj novaj amikoj dum UK ĉeestis en IJK kaj rakontis pri la okazitoj kiam mi vizitis ilin en lasta tago de IJK kaj poste semajno en alia urbo.

La 7-taga kongreso okazis en Dankook Universitato dum 30-a de julio ĝis la 6-a de aûgusto. Ĝia temo estis : kia popolo, tia kulturo. La partoprenantoj povis sperti diversajn landajn kulturojn kaj vivmanierojn en la mondo. En la Universitato ĉiu ĉambro havis bestan nomon, kiuj estis la nomoj el anktiva kalendaro. Bestoj kiel la simio, la bovo , la porko, k.t.p . ĉiuj povis okupigi sin per diversaj manieroj. estis komputilo por kontakti kun aliaj E-istoj kaj iom programi . Sur la tabloj kaj muroj estis legaĵoj kaj ĉiam troveblis io nova por informiĝi . Tradiciaj dancoj , kantado, konkursoj, ktp . estis nur kelkaj interesaj programeroj. Sed ankoraû IJK havis pli formalajn, oficialajn kunvenojn por decidi, plani kaj diskuti. La plej grava por ni, Irananoj estis la decid-kunveno por akcepti IREJO-n kiel landa sekcio de TEJO. kvankam mi mem ne ĉeestis tiun gravan momenton,kaj pro tiu , mi multe bedaûras . sed en lasta tago de IJK, kiam mi vizitis la kongresejon; mi

informiĝis kaj gratuliĝis pro la sukceso. En ĉi jara ankaû partoprenis Reza Ĥejr Ĥah, tre aktiva Irana Esperantisto kiu instruas E-on en diversaj landoj. Kvankam mi ne povis viziti lin post IJK, sed mi certas ke li ankaû helpis por ke Irana Esperanto-movado prezentiĝu dum IJK por la estraranoj.

La venontjara IJK okazos en Sankt-Peterburgo dum 31 de julio-7 de aûgusto 1995 kun la temo "aktivismo : Junularo kiu ne nur dancas". Mi rekomendas tuto de Iranaj E-istoj por partopreni tiuĉi kongreson. memoriĝante ke tiu estas eble la plej proksima al ni,kaj certe la plej malmulte kosta. Ni povas atingi tio eĉ lande. Do zorgu kaj ankaû vi spertu la forton de Esperanto por konstrui veran harmonion inter popoloj .

Hámze Ŝáfii

## --------- Novaĵoj , Agadoj ---------------------------------

**Esperanto -Persa Medicina Vortaro**

S-ro Ĝamŝid Áhmádi medicina studento en la Universitato " Ŝáhid Beheŝti" , la komisiito de IREJO pri sciencaj agadoj jam komencis sian seriozan redakton pri faka verko sub la nomo : Esperanto-Persa Medicina Vortaro(EPMV). Li redaktas la vortaron laû la Medicina Esperanto Terminaro(MET), kompilinto de D-ro Josef Hradil (Ĉeĥio).

Interesitaj fakuloj petu detalajn informojn pri la vortaro kontakte la redaktanton.

**Radio Pekino aûskultiĝas en Irano !**

Ĉiu nokte interesiĝantoj povas kapti la programon de la Radio Pekino ekde la horo 23:30 ĝis 23: 55 laû la ferkvencoj (KHZ) : 7405, 7470, 9965 .

Se vi kaptis la programon , se ĝi plaĉis vin, se vi havas proponojn k.t.p ,bonvoli sendu poŝtkarton aû bondezirleteron al la funkciantoj de la Radio Pekino. Via kontakto kuraĝigos ilin, ankaû la movadon.